# Esperanto en Azio

**(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)**

**N-ro 88**

Bulteno de KAEM

Julio 2015

Retadreso de KAEM

azia-komisiono-de-uea-kaem@yahoogroups.com

(ne aliĝinte al la grupo, oni povas mesaĝi)

http://www.esperantoazia.net/club/myclub/?url=kaem

(« Esperanto en Azio » troviĝas en tiu retejo)

------------------------------------------------------------------------

# Gratulon!

## Indonezia Esperanto-Asocio estas akceptita kiel landa asocio de UEA (la 12a landa asocio el Azio).



Ilia Dewi, la prezidanto de Indonezia Esperanto-Asocio ilia.dewi@gmail.com

La 31an de julio okazis la 2a komitata kunsido de UEA dum la 100a Universala Kongreso en Lillo. Tiam la estraranoj kaj la komitatanoj diskutis kaj decidis kelkajn gravajn agadojn. Unu el ili estis la akcepto de Indonezia Esperanto-Asocio kiel landa asocio de UEA.

La prezidanto de UEA, Mark Fettes, proponis ĝian membrigon al la ĉeestantaj komitatanoj kaj post mallonga parolado li petis aprobon de la

komitatanoj. La plejparto de ili levis sian manon kaj decidis la peton de IEA por iĝi la 12a landa asocio el Azio.

Kiel la prezidanto de IEA, mi tre dankas al la komitato de UEA pro tio, ke ĝi akceptis kaj aprobis nian proponon. Certe tio estas grava paŝo kaj bona ŝanco de la Asocio por plilabori kaj plikontribui al la movado. Mi pensas, ke nia ĵus aliĝinta landa asocio ludos gravan rolon por realigi efike la Esperanto-agadojn de UEA en Indonezio, kaj samtempe ni, indoneziaj esperantistoj, povos plulerni kaj plivastigi nian konon pri la internacia movado kaj kunlaborado. Mi konsideras, ke ni estas ankoraŭ tiel junaj kompare kun aliaj landaj asocioj, ke multaj obstakloj estos sur nia vojo. Tamen ni optimisme kunlaboros kaj travivos por ke IEA daŭre kresku kiel 'domo' de indonezianoj kaj kreos fortan movadon lande kaj regione. Dankon al UEA !

## Raporto de la kunsido "Azia Agado" dum la UK

Inumaru Fumio, la vic-prezidanto de KAEM

La kunsido "Azia Agado" okazis en la ĉambro Berthelot inter la 11-a kaj la 13-a horoj en la 28-a de julio 2015 marde dum la 100-a UK. Ĉeestantoj nombris 89 inkluzive de tri KAEM-anoj. Prezidis s-ro Inumaru Fumio, la vic-prezidanto de KAEM.

La enhavo estis salutoj, raportoj de landa agado kaj proponoj.

### 1. Salutoj

S-ro Wang Ruixiang, la prezidanto de KAEM, salutis. Li esprimis dankon al ĉeestantoj kaj diris, ke tio estas bona ŝanco por interŝanĝi spertojn de landaj asocioj kaj E-grupoj.

S-ro Lee Jungkee, estrarano de UEA pri azia movado, salutis. Li menciis jene: E-movado komenĉiĝis en Tajlando, denove vigliĝis en Irano, daŭras en Indonezio kaj ŝajnas dormi en Barato. Li instigis plian agadon de KAEM.



**2. Raportoj**
**2.1 Okcidenta kaj Centra Azio**
**Irano** (s-ro Hamzeh Shafiee)

Irana Esperanto-Asocio estas jura oficiala organizo en Irano, havas sekcion de junuloj kaj tiun de eduko kaj tenas rilaton kun TEJO kaj ILEI, okazigas publikan prelegon ĉiumonate, kie ĉeestas inter 20 kaj 30 homoj, kaj monatan renkontiĝon. Okazas kursoj kaj seminarioj. Alilandaj esperantistoj ĉeestis la seminarion, jam du aŭ tri ĉi-jare. Sezone eldoniĝas organo. Ĝi aperas ankaŭ sur la retejo. Ĉirkaŭ 400 legas ĝin rete. Retaj rimedoj efikas por konatiĝo, diskuto k.s. La dua nacia kongreso okazos aŭguste en 2015. La unua donis motivon kaj esperon. Ĉeesto de alilandaj esperantistoj konigis Esperanton al la publiko. Elektiĝos novaj estraranoj.

**Taĝikio:** (letera raporto de s-ro Firdaus Shukulov montrite sur ekrano)

La asocio funkcias konstante. Ili havas nun kurson dumonatan, regule renkontiĝas kaj planas komenci septembre instruadon de Esperanto al studentoj de Liceo pri Servo kaj Turismo. La asocio ne plu disponis klubejon de iu bonkorulo ekde antaŭ du jaroj. En marto du

anoj de la asocio - Svetlana Shetuhina kaj Firdaus Shukurov faris vojaĝon tra suda parto de Francio kaj Svisio. En la najbaraj landoj - Kazaĥio, Uzbekio kaj Kirgizio ekzistas kelkaj apartaj esperantistoj. Li havas regulan kontakton kun s-ro Anatolij Ionesov en Samarkando. Ŝajne en Turkmenio esperantistoj tute ne ekzistas.

**Israelo:** (s-ro Amri Wandel)

Esperanto-Ligo en Israelo (ELI) kontaktis kun s-ro Amos Oz, fama verkisto, kiu verkis novelon titolitan "Esperanto", la rakonton pri esperantisto en kibuco, kaj ELI eldonis ĝian esperantan tradukon antaŭ unu monato. Lia saluto aperis en la 3-a kuriero de tiu UK. Ĉiun duan jaron okazas internacia libro-foiro, kie kolektiĝas eldonantoj el tuta mondo. ELI havis budon kaj informadis. Pri tio aperis artikolo en la julio-aŭgusta numero de la revuo "Esperanto". Dufoje jare eldoniĝas "Israela Esperantisto". En 2015 la 19-a Kongreso okazis en fora nordo de Israelo kun 30 ĉeestantoj. En 2016 la 20-a okazos en Tel-Avivo, kie Kajto prezentos. Kurso okazis en Tel-Avivo kaj en Jerusalemo. S-ro Amri Wandel vizitis Baraton. Laŭ lia alvoko realiĝis renkontiĝo de gesamidanoj en Barato kaj Pakistano ĉe landlimo de du landoj ambaŭ en ilia flanko.

## 2.2 Suda Azio

**Pakistano** (s-ro Saeed Ahmad Farani kaj s-ro Shabbir Ahmad Sial)

S-ro Saeed Ahmad Farani koncize prezentis la komencon de la pakistana movado kaj sia agado; S-ro Sheikh Abdul Qadir el Lahoro ĉeestis en la unua UK kaj aperigis artikolon pri Esperanto. Post la sendependiĝo de Pakistano s-ro Muztar Abbasi fondis la asocion PakEsA. Li faris ege grandan laboron; enkondukis Esperanton, tradukis Koranon, kompilis lernolibron kaj vortaron k.s. S-ro Saeed Ahmad kaj gesamideanoj klopodas informadi Esperanton al ĵurnaloj, en lernejoj, en universitatoj k.s. Li verkis sep Esperantajn librojn, inkluzive de "Panĝaba Sufia Saĝo" ĵus presita.

S-ro Shabbir Ahmad Sial raportis nunan movadon. Troviĝas Esperanto-kluboj en kvin urboj; Multano, Lahoro, Ĝehlamo,

Rawalpindi/Islamabad kaj Muree. La estraro de la asocio elektiĝas ĉiun duan jaron. En 2014 la dua Sud-Azia Seminario okazis sukcese en Lahore, Pakistano. Utiligante la okazon, oni instruadis Esperanton en diversaj lokoj al mil homoj entute.

**Barato:** (prof. Giridhar Rao)

Oktobre en 2013 okazis Barata Esperanto-kunveno en Hyderabad kun 20 ĉeestantoj el tuta Barato. Nun li klopodas havi estraran kunsidon en ĉi-oktobro. Li translokiĝis de Hyderabad al Bengaluro kaj estas nun profesoro de tiea Universitato Azim Premji. 20 studentoj fariĝis esperantistoj kaj plie 15 lernos Esperanton. Aldoniĝis post la kunsido jene: Kvankam la landa movado bezonas revigligon, tamen unuopaj esperantistoj daŭre aktivas. Barataj esperantistoj verkis faklibrojn, lernomaterialojn, eseojn, kaj tradukaĵojn. Landaj esperantistoj ankaŭ disvastigis Esperanton per prelegoj kaj kursoj.

**Nepalo** (s-ro Pradip Ghimire)

28 alilandanoj kaj 50 nepalanoj partoprenis en la 11-a Himalaja Renkontiĝo. La asocio eldonis “Montejo”-n. Tie aperis raporto de la renkontiĝo. En 2016 okazos la 2-a Speciala Ekskurso kaj AMO-Seminario de UEA ekde la 26a de februaro ĝis la 8a de marto. La 3-a Sud-Azia Seminario okazos en Kolombo, Srilanko de la 31a de oktobro ĝis la 3a de novembro ĉi-jare kun NEspA kiel ĉef-zorganto. Nepalanoj karavane partoprenos ĝin. La asocio planas konstrui propran novan sidejon. Ĝi planas presi propagandilojn. Ĝi klopodas por la sud-azia movado.

S-ro Bharat Ghimire aldonis pri la sudazia movado: La unua Sud-Azia Seminario okazis en 2011 en Katmanduo kun 70 ĉeestantoj el Nepalo, Barato kaj Pakistano kaj la dua en 2014 en Lahore, Pakistano kun malpli ol cent inkluzive de du nepalanoj kaj du koreoj. Tie ĉefe instruado okazis en diversaj lokoj. Li volas vigligi movadon en Srilanko okaze de la 3-a SAS kunlabore de gesamidanoj el sud-aziaj landoj kun subteno de KAEM kaj UEA.

## 2.3 Sud-Orienta Azio

**Vjetnamio** (s-ino Pham Mai Lan)

VEA estas 59-jara. La 2-a Azia Kongreso en 1999 en Hanojo vigligis la movadon. La asocio organizis IJK dufoje kaj UK en 2012. Tiuj internaciaj kongresoj refreŝigis la movadon. Ĝi stabile agadas kun partopreno de multaj gejunuloj. En Esperanto-Tago ĝi aperigis artikolon sur la gazeto de Vjetnama Unesko. Okazas kursoj en universitatoj. Membroj partoprenis en E-Sumoo. VEJO, la junulara organizo, vigle agadas. Unuafoje ĝi organizis KS en Ho-Ĉi-Minh lastan jaron kaj ankaŭ Someran Renkontiĝon ĉiujare. Vizitu la nacian kongreson venontan jaron. Tiam VEA estos 60-jara. Ĝi volas organizi Azian Kongreson estontece.

**Indonezio (s-**ino Ilia Sumilfia Dewi)

Indonezia Esperanto-Asocio koncentris sian forton en informado kaj edukado post sia fondiĝo en 2013. Novaj interesitoj estas gejunuloj, plejparte gestudentoj. Oni uzas socialajn mediojn, kiel fejsbukojn kaj tviterojn, por interkomunikiĝo pro tio, ke Indonezio estas vasta kaj malfacilas kunveni. Artikoloj aperis sur lokaj gazetoj kaj la asocio kontaktis kun televido kaj radio. Movadoj aktivas en Ĝakarto, Bandung kaj Medan. En Yogyakarto ĉesis regula kunsido pro la stud-finiĝo de gestudentoj. El ŝia ĉeesto en Aŭstralia Kongreso rezultis la trilanda kongreso de Indonezio, Aŭstralio kaj Novzelando en marto de 2016. Ŝi esperas partoprenon ankaŭ el najbaraj landoj.

S-ro Ubik demandis pri simileco inter Esperanto kaj la indonezia. La respondoj: Sufiksoj kaj prefiksoj estas uzataj ankaŭ en la indonezia. Ĝi ludas grandan rolon en la lando de multnombraj etnoj. Ĝi estis ordigita el la malaja okaze de la sendependiĝo.

## 2.4 Orienta Azio

**Ĉinio** (s-ro Wang Ruixiang)

En Kunming maje okazis duobla kongreso, la 67-a Internacia Fervojista Kongreso, kie ĉeestis pli ol 300 el 5 landoj, kaj la 11-a Nacia Kongreso. ĈEL okazigis ekspozicion pri ĉina kulturo en tri urboj en

Ameriko sur la vojo al Argentino julie. Diverslokaj asocioj malfermis terenon de mikro-mesaĝo kaj uzas ĝin por informado kaj interamikiĝo de esperantistoj. Ankaŭ ĈEL faras tion por Esperanta laboro. Instruado en lernejoj okazas diversloke.

**Japanio** (s-ro Suzuki Kei'ichiro)

JEI havas ĉirkaŭ 1200 membrojn. Ili malmultiĝas iom post iom. Lastan jaron la 101-a Japana Kongreso okazis en la urbo Obama. Ankaŭ okazis sep regionaj kongresoj. Kiel subteno al nepalaj suferantoj pro la tertremo kolektiĝis 7000 eŭroj. Ĉi-jare la 102-a Japana Kongreso okazos oktobre kun la temo "Espero trans la katastrofo" en la urbo Sendai, kiu situas en la damaĝita distrikto de la cunamo. Dum la kongreso okazos publika prelego koncerne "Montevideo 60", kie unu el la prelegontoj estas el Unesko-asocio Sendai, kiu estas la unua civitana asocio por Unesko. Vizitu la kongreson. Okaze de la kongresoj eldoniĝas memorlibroj. JEI havas fondaĵon por subteni junularajn agadojn.

**Koreio** (s-ino Lee Hyunsuk)

Daŭras ĉiumonata kurso de s-ro Lee Jungkee. Ĉi-jare pli ol 150 studentoj jam lernis Esperanton en universitatoj. En lernejoj troviĝas ankaŭ kluba agado. Ĉe preĝejo de ŭonbulismo instruado komenciĝis. Troviĝas kelkaj kursoj kaj ekzercado per inteligenta poŝtelefono. Ankaŭ diversaj Esperantaj materialoj estas uzeblaj per ĝi. La 46-a kongreso okazos oktobre. Unu el la du tutlandaj okazaĵoj por lernado estas Namkanga Lernejo. La 3-a Monda Eduka Forumo de Unesko okazis en Incheon, kie UEA kaj KEA starigis budon. Koreaj junuloj fervore agadas. Ili okazigos la 34-an Komunan Seminarion. Ili spertas diversajn Esperanto-aranĝojn kaj kulturan interŝanĝon internacie. 15 gejunuloj ĉeestas en tiu UK inkluzive de infano. La UK en 2017 okazos en Universitato pri fremdaj lingvoj en Seulo.

* Ni ne sukcesis doni al samideano el Orienta Timoro ŝancon saluti.

S-ro Stefan Keller petis urĝe tradukantojn en la urdua, la araba, la korea, la taja kaj la mongola por dokumento en la Unesko-Forumo okazanta en Pekino tiam. En la forumo Ĝoja kaj Ĝojo el Vjetnamio reprezentas Esperanton.

**3. KAEM**

S-ro Inumaru klarigis la vidpunkton de KAEM por antaŭenigi la movadon en Azio; Regionaj renkontiĝoj, kunlaboro inter najbaraj kaj proksimaj landoj, semado kaj subtenado en landoj de malforta movado kaj junuloj.

**4. Proponoj**

Post la paŭzo de 5 minutoj rekomenciĝis la kunsido por demandoj, respondoj kaj proponoj.

**4.1 La 8-a Azia Kongreso**

S-ro Wang Ruixiang respondis, ke la kongreso okazos en la provinco Fujian, Ĉinio, komence de novembro en 2016 kaj ke meze de aŭgusto la urbo estos decidita kaj ĈEL laboros por la unua bulteno.

**4.2 Kunlaboro inter gejunuloj kaj subteno por ili**

S-ino Ilia Sumilfia Dewi proponis kadron de kunlaboro por gejunuloj, kie ili registros sian intereson kaj specialaĵon, interŝanĝos informon pri ili kaj tiel havos ŝancon akiri novan scion, kiel unika kulturo en alia lando, kaj sperti utilecon de Esperanto. Junuloj ŝatas lerni ion novan kaj por ili necesas praktika celo lerni Esperanton.

S-ino Nguyen Thi Phuong (Flama) esprimas deziron havi subvencion de plenaĝuloj, kiel de KAEM kaj aliaj, por ĉeesto de gejunuloj en internaciaj aranĝoj. La ĉeesto ege kuraĝigas junajn aktivulojn kaj donas ŝancon de interdiskuto. Ŝi proponas konkurson por subvenciotoj al E-aranĝoj en Azio, ekzemple por Komuna Seminario, kiel TEJO faras konkurson por IJK.

**4.3 AMO (Aktivula Maturigo)**

S-ro Huang Yinbao (Trezoro) menciis, ke AMO estas grava projekto de UEA por trejni aktivulojn. Li organizis AMO-3 en Xi'an, Ĉinio, en 2014. AMO okazos en Nepalo en 2016. KAEM subtenu

ĉeeston el finance malfacilaj landoj pri la kotizo. “Ni semas” estas alia grava projekto de UEA, kvankam ankoraŭ neniu azia organizo ricevis ĝian subvencion.

**4.4 Membriĝo per Fondaĵoj kaj kongresoj**

S-ro Lee Jungkee respondis provizore, ke 57 membriĝis al UEA pere de Projekto C de KAEM kaj ke 311 entute inkluzive de pero de Fondaĵo Canuto. Li ankaŭ menciis jene: Haste decidu la lokon de la 8-a Azia kongreso kaj tuj informu ĝin al la Esperanta publiko por ke oni povos plani sian ĉeeston. Komencu kursojn kun la slogano “Ni kune karavane iru al Seulo por UK”. Utiligu la Seulan UK en 2017 por verdigi Azion.

**4.5 Tertremo en Nepalo kaj la 3-a Sud-Azia Seminari**o

S-ro Bharat Ghimire klarigis jene: Grandega tertremo okazis aprile en Nepalo kaj dekmil mortis. Esperantistoj estas sekuraj. NEspA sendis mesaĝon kiel oficiale registrita organizo en Nepalo por peti mondonacon, kiun ĝi intencis turni al centra administra fondaĵo. Tio ne realiĝis ankoraŭ pro politika kialo. Ĝi konsiliĝis kun distrikta administra oficejo kaj kun ties sugesto decidis konstrui sian propran novan oficejon sur la terpeco de ĝia posedaĵo. Post du monatoj la registaro permesos plani la konstruadon.

Li klarigis pri Sud-Azia Seminario. Ĝi komenciĝis laŭ la propono de s-ro Hori Jasuo, tiama prezidanto de KAEM. Profitante la okazon de la 3-a SAS okazonta en Kolombo, Srilanko, li intencas fortigi la movadon en la regiono, aparte en Srilanko kaj Barato.

**4.6 UK en 2017 denove**

S-ro Saeed Ahmad Farani esprimis sian deziron, ke por azia movado oni utiligu la UK-on en Seulo, Koreio, en 2017.

Ĉeestantoj plenplenaj en la ĉambro ne nur el Azio aŭskultis fervore la raportojn kaj la proponojn. Mi dankas ĉiujn inkluzive tiujn, kiuj helpis la administradon de la kunsido.

# Aziaj Junularoj ĝoje diskutis pri sia estonteco




Matene vendrede je la 10a, en la salono Manuela R okazis kunsido de Azia Junularo en kadre de Internacia Junulara Kongreso. Partoprenis en la kunsido 18 junuloj el 7 Aziaj landoj: Vjetnamio, Koreio, Ĉinio, Singapuro, Japanio, Nepalo kaj Orienta Timoro kun observanto de 3 estraranoj de TEJO. La kunsido daŭris dum pli ol 2 horoj en la salono kaj poste moviĝis eksteren por pli diskuti. Dum la kunsido, la junuloj diskutis pri 4 aferoj :

- Prezentado pri landaj agadoj.
- Problemoj de lernado, agadoj de aziaj junuloj
- Prezentado pri Komisiono de Azia Junularo ( KAJ )
- Venonta Komuna Seminario ( la 34a KS en Koreio )

Intervenis s-ro Lee Jungkee, estrarano de UEA, proponante, ke aziaj junuloj aktivu respektive en siaj regionoj kaj uzu interreton por komuniki. Kaj s-ro Nitta Takamiti (Japanio) proponis, ke junuloj havu UEA-konton kaj listigu sin kaj ili eldonu revuon por aziaj junuloj.

Jen la rezulto de la kunsido:

Ĉiuj konsciis pri jenaj malfacilaĵoj en Azio: 1) Azio estas tro vasta, 2) por junuloj malfacilas partopreni en kongresoj kaj renkontiĝi, 3) E-nivelo estas malsama inter junuloj, 4) mankas spertoj por agadi, kunlabori kaj organizi eventojn de Esperanto.

Ĉiuj konsentis pri neceso kunlabori por plifortigi la movadon de Azia Junularo en la kadro de KAJ per jenaj unuaj paŝoj :

- Edukado: respondecas Nepo Nguyen (Vjetnamio) kun tasko komuniki kun junuloj de diversaj landoj, starigi taŭgan kanalon por helpi aziajn junulojn praktiki la lingvon, agadi kune kun TEJO por la kampo de edukado, helpi aziajn junulojn partopreni en interreta kurso de Esperanto kiel RITE, aŭ fari E-ekzamenon.
- Revuo: Pradip (Nepalo) respondecas pri kunlaboro kun aliaj junuloj por realigi la ideon.
- Kongreso: Kora kaj Feliĉa (Vjetnamio) respondecas pri kolektado de ideoj por eldoni gviddokumenton por junuloj pri organizado de eventoj kaj kontaktos organizantojn de KS.
- Subvencio: Flama (Vjetnamio) respondecas pri subvencio por agadoj de KAJ.
- Ontaj landaj sekcioj: Stano (Koreio) respondecas pri kontakto kun junuloj el novaj landoj kiel Indonezio, Filipinoj, Orienta Timoro, Tajlando...
- Komercado: Hiro (Japanio) respondecas pri ebloj por fari komercadon per Esperanto inter landoj.

Krome: Aliĝis al KAJ

1) Korea Esperantista Junularo – reprezentanto: Kang Stano Park.
2) Katona Grupo de Junaj Esperantistoj – reprezentanto: Venki. Ĝi petas kunlaboron de Japana Esperanto-Junularo.

Sekvaj farendaj diskutoj :

1) Organizi kunsidon per skajpo ĉiumonate.
2) Pli diskuti pri funkciado kaj voĉdonado de KAJ

# Aliĝu al la 3a Sud-Azia Seminario en Srilanko

Jen la provizora programo de la 3a Sud-Azia Seminario en Srilanko. Helpu niajn samideanojn de Srilanko per via rapida aliĝo. La programeroj estas ŝanĝeblaj laŭbezone. Sendube estos publikaj prelegoj en diversaj lokoj por propagandi nian lingvon.

**La 31an de oktobro (2015)**
13:00 - 17:00: Registrado/Libroservo
17:00 - 18:00: Komitata kunsido
18:00 - 19:00: Interkona vespero

**La 1an de novembro:**
8:00 - 9:00: Matenmanĝo
9:00 - 10:30: Malfermo
10:30 - 11:30: Esperantaj kursoj
11:30 - 12:30: Prelego
12:30 – 14:00: Tagmanĝo
14:00 - 15:30: Prelego
16:30 - 17:30: Diskuto pri la Esperanto-movado en Sud-Azio

**La 2an de novembro**
Tuttaga ekskurso

**La 3an de novembro**
8:00 - 9:00: Matenmanĝo
9:00 - 10:30: Esperantaj kursoj
10:30 - 11:30: Prelego
11:30 - 12:30: Prelego
12:30 - 14:00: Tagmanĝo
14:00 - 15:30: Prelego pri Srilanka Esperanto-movado
16:30 - 17:30: Diskuto pri la Esperanto-movado en Sud-Aziaj landoj
19:00 – 21:00 Bankedo

**La 4an de novembro**
8:00 - 9:00: Matenmanĝo
9:00 - 11:00: kunsidoj
11:30 - 12:30: Fermo
12:30 – 14:00: Tagmanĝo

Post la tagmanĝo povas okazi ekskursoj en la urbo aŭ prelegoj pri Esperanto en diversaj lokoj.

Bharat Ghimire nespa.1990@gmail.com

# Japanio

## La 64a Esperanto-Kongreso de Kantoo

La 13an kaj la 14an de junio okazis la 64a Esperanto-Kongreso de Kantoo en la urbo Ĉoofu kaj aliĝis al ĝi 120 homoj (63 partoprenis kaj 57 subtenis).




La kongreso okazis samtempe gratulante la 40an datrevenon de Ĉoofu-Esperanto-Klubo, do en sabato s-ro HORI Jasuo parolis pri la temo "Esperanto, la Japana Katastrofo kaj paco" kaj s-ino Ŝindoo Masako havis sopranan koncerton al la publiko.

En dimanĉo post la inaŭguro s-ino Yvonne Chen el Tajvano parolis pri la tajvana movado, kaj poste s-ro Makino Micuo gvidis kantadon. Posttagmeze okazis du kunsidoj: "Paroli kun s-ino Chen" kaj "Korusado", kaj pli poste okazis prelego de s-ro Jamano Jutaka pri "la verkisto Muŝanokooĵi, Esperanto kaj lia 'Nova Vilaĝo'". Forlasinte la kongresejon ni vizitis la eksan domon kaj la muzeon de Muŝanokooĵi en la urbo Ĉoofu.

# La 63a Esperanto-Kongreso de Kansajo



La 20an kaj la 21an de junio okazis la 63a Kongreso de Esperantistoj en Kansajo en la urbo Kioto kaj aliĝis al ĝi 269 homoj (181 partoprenis kaj 88 subtenis).

Al la kongreso venis ne nur esperantistoj el la regiono Kansajo, sed ankaŭ multaj el aliaj regionoj. La kongreso estis abundaj je koncertoj, prelegoj kaj kunsidoj. Nun mi prezentos pri "K-on Bando" kaj "Kunvenoj de Junuloj".

"K-on" estas bando el 6 junuloj koreaj kaj japanaj. Post longa preparado ili sukcese koncertis kaj allogis pli ol 100 aŭskultantoj. En "Kunvenoj de junuloj" partoprenis 30 homoj inkluzive de 3 elementlernejanoj, 3 mezlernejanoj, 7 superamezlernejanoj kaj 2 studentoj. Ili ĝuis diversajn ludojn en tre bona etoso.

Vi povas vidi fotojn kaj videon en http://goo.gl/sblOhD

Morikaŭa Kazunori kz.morikawa@gmail.com

## Internacia Festivalo en Kaŭasaki



La 5an de julio okazis Internacia Festivalo en la urbo Kaŭasaki najbare de Tokio. Al la budo de Esperanto-klubo Kaŭasaki venis multaj homoj inkluzive de eksterlandanoj el Pollando, Francio, Vjetnamio kaj Svedio. Oni havis ekspozicion de diversaj muzikiloj kaj ludiloj, 30-minutan kurson kaj voĉlegadon de infanlibroj en la japana kaj Esperanto.

## Jamanaŝi bonvenigis ges-rojn el Brazilo



Ges-roj Enivaldo kaj Lucia Silva el Brazilo vizitis nian urbon Koofu en la gubernio Jamanaŝi kaj prelegis pri "La grandega urbo Brazilio". 14 homoj partoprenis. Poste ni manĝis kune, kaj poste ili ĝuis turismon en mia urbo, ĝuante teon kaj vestante sin per japana kimono.

Nagasaŭa Seiko
seiko-n@rhythm.ocn.ne.jp

## Esperanto-budo en la internacia ĵamboreo

La 23a Internacia Ĵamboreo okazis en la urbo Jamaguĉi inter la 28a de julio kaj la 8a de aŭgusto. En tiu ĵamboreo s-ino Hotta Yuri malfermis budon kaj donis mallongajn Esperanto-kursojn al la interesitoj, sukcese distribuante broŝuron al 1624 homoj, nome 5% de la 33000 partoprenantoj. Ŝi starigis specialan retejon por tiu evento, do ŝi esperas, ke nemalmultaj homoj kontaktos ŝin.

HOTTA Yuri <hotta.yurieto@gmail.com>

# 225 homoj el 25 landoj partoprenis en la la 35a Internacia Esperanto-*Sumoo*

La 35a Internacia Esperanto-*Sumoo* okazis de la 5a ĝis la 14a de julio 2015 kun granda sukceso.
http://www.esperanto-sumoo.strefa.pl/index.html

**Analizo de la Julia *Sumoo***
**1. Partoprenantoj: 225 el 25 landoj**
Ŝanĝiĝo de la nombroj de partoprenantoj

| | |
|---|---|
| Januaro 2014 : | 190 el 32 landoj |
| Marto 2014 : | 176 el 26 landoj |
| Majo 2014 : | 161 el 26 landoj |
| Julio 2014 : | 127 el 22 landoj |
| Septembro 2014 : | 164 el 26 landoj |
| Novembro 2014: | 192 el 26 landoj |
| Januaro 2015 : | 190 el 27 landoj |
| Marto 2015 : | 207 el 27 landoj |
| Majo 2015 : | 196 el 25 landoj |
| Julio 2015 : | 225 el 25 landoj |

**2. Laŭlandaj nombroj :** Julio (Majo - Marto - Januaro)

| | |
|---|---|
| Japanio: | 47 (52 - 46 - 49) |
| Francio: | 33 (30 - 37 - 34) |
| Koreio: | 32 (8 - 5 - 4) |
| Vjetnamio: | 21 (23 - 25 - 15) |
| Pollando: | 16 (14 - 16 - 15) |
| Rusio: | 10 (6 - 6 - 3) |
| Ĉinio: | 7 (3 - 4 - 5) |

| | | | |
|---|---|---|---|
| Finnlando: | 6 (5 - 6 - 6) | Danio: | 6 (3 - 3 - 4) |
| Nederlando: | 6 (6 - 6 - 4) | Italio: | 6 (6 - 5 - 6) |
| Brazilo: | 5 (5 - 9 - 3) | Serbio: | 5 (3 - 4 - 5) |
| Turkio: | 4 (3 - 1 -1) | Hispanio: | 4 (1 - 2 - 0) |
| Svedio: | 3 (4 - 5 - 4) | Bulgario: | 3 (2 - 2 - 2) |

| | | | |
|---|---|---|---|
| Germanio: | 2 (1 - 3 - 3) | Nepalo: | 2 (2 – 2 - 3) |
| Svislando: | 1 (14 - 12 - 14) | | |
| Kanado: | 1 (1- 2 - 1) | Tajvano: | 1 (1- 1 - 1) |
| Barato: | 1 (1- 1 - 1) | Grekio: | 1 (1- 1 - 0) |
| Hungario: | 1 (1 - 1 - 0) | Britio: | 1 (0 - ) |

*Malaperis: Mongolio: 0 (1 - 0- 0), Argentino: 0 (1 - 0 - 1)

**3. Perfektaj venkintoj (10 venkoj):** 175/225 (77,8%)

**4. Kvanto de legitaj paĝoj:** pli ol 10000 paĝoj

*Averaĝe unu homo legas 70 paĝojn dum 15 tagoj de la *Sumoo*.

**5. Komentoj:**

Mi timis, ke la nombro malgrandiĝos, sed dank' al la grupa partopreno de koreoj kaj multaj novaj partoprenantoj, la nombro fariĝis la plej granda en nia historio.

Sed la nombro de la landoj ne kreskis. Malaperis partoprenantoj el Mongolio kaj Argentino, nek aperis el afrikaj landoj.

**6. Dankon al la kunlaborantoj**

Por tiu ĉi *Sumoo* laboris naŭ homoj: Renato (Serbio), Jitka (Italio), Vasil (Turkio), Monsano (Japanio), Aleksander (Pollando), Arase (Japanio), Ha (Vjetnamio), Ella (Koreio) kaj Hori (Japanio) por prizorgi la partoprenantojn kaj Krystyna (Pollando) por la retejo kaj la diplomo. Ni danku al tiuj kunlaborantoj. Ni atendas novajn prizorgantojn en la septembra *Sumoo*.

**7. La septembra *Sumoo***

La septembra *Sumoo* komenciĝos ekde la 13a de septembro dum 15 tagoj ĝis la 27a de septembro.

## Interesitoj vizitu la retejon de *Sumoo*!

http://www.esperanto-sumoo.strefa.pl/index.html

## Ĉinio

### Pekina Esperanto-Asocio konigas Esperanto-Sumoon

Akorde kun la komenciĝo de la Julia Esperanto-Sumoo en la 5a de julio, sinjorino YU Jianchao, membro de Pekina Esperanto-Asocio, faris prelegon titolitan "Legado, Sumoo, Esperanto" en Zhongguancun Librodomego de Pekino. Temas pri Esperanto-*Sumoo*.

Tio estas unu el la seriaj prelegoj organizitaj de Pekina Esperanto-Asocio. YU Jianchao estas raportistino de Ĉina Radio Internacia. Ŝi respondecas pri la elsenda rubriko: *Plezuro en Legado*, kaj delonge atentas pri la Esperanto-*Sumoo*. Pasintjare ŝi faris intervjuon kun sinjoro Hori Jasuo okaze de la 99-a UK en Argentino, kaj faris la programon "Hori Jasuo Invitas vin al Internacia Esperanto-*Sumoo*"， kaj unuafoje elsendis ĝin en la 13-a de septembro, 2014. Januare 2015, ŝi mem partoprenis en la *Sumoo*, kaj nun jam viciĝas en la rango Jokozuna, la plej alta inter la 5 aliaj rangoj laŭ la regularo de japana tradicia luktado *Sumoo*.



En sia prelego, YU Jianchao konigas la Esperanto-*Sumoo*n kaj parolas sian sperton dum la legado kadre de la Esperanto-*Sumoo*. Ŝi dividĝuas la ĝojon de legado kun la ĉeestantoj kaj tre laŭdas la ideon de la iniciatinto Hori Jasuo por la Esperanto-*Sumoo*: Altigi la legkapablon de esperantistoj kaj kutimigi esperantistojn legi libron kun ĝojo.

Esperanto-*Sumoo* estas iniciatita de japana esperantisto Hori Jasuo kaj de septembro 2009 *Sumoo* okazis jam 35 fojojn. Laŭ la nombro de partoprenatoj ĉi-foje estas la plej multaj en la historio.

s-ino Yu Jianchao (skzjyujianchao@sina.cn)

## La 7-a Harbina Junulara Seminario de Esperanto



La 9-10an de majo, 2015 (Songping songheshu@126.com)

# Israelo

## E-traduko de la rakonto "Esperanto"

Aperis la E-traduko de la rakonto "Esperanto" de la fama israela verkisto Amos Oz. Tradukis Gian Piero kaj mi. La 24-paĝa broŝuro estos sendota al la membroj de Esperanto-Ligo en Israelo (ELI) kaj abonantoj de "Israela Esperantisto" kaj la aliaj povos aĉeti ĝin ĉe ELI aŭ UEA kontraŭ 4.5 eŭroj. Oz kaj mi renkontiĝis, interparolis duonhoron pri Esperanto, kaj mi donis al li la unuajn ekzemplerojn. En la originala libro li skribis dediĉon: "al Amri, kiu ludis miajn hebreajn vortojn per Esperanto-piano kun granda ekcitiĝo, danko kaj estimo...Amos Oz"      Amri Wandel, Prezidanto de ELI amri@huji.ac.il

# Nepalo

## Dua Speciala Ekskurso, 2016 kun AMO-Seminario

Nepala Esperanto-Asocio anoncas “12-tagan specialan ekskurson” kaj “AMO-Seminario”n ekde la 26a de februaro ĝis la 8a de marto 2016. Ĉiuj scias, ke NEspA okazigas la Himalajan Renkontiĝon ĉiun duan jaron (ĉi-jare ni okazigis la 11an). La Himalaja Renkontiĝo signifas plejparte piedvagadon en la montaro, sed tio ne taŭgas al ĉiuj aĝgrupoj. Multaj samideanoj volas viziti Nepalon, sed timas tian marŝadon. Jen jam duafoje ni okazigis ekskurson al famaj nepalaj turismaj lokoj atingeblaj per buso kaj situantaj piede de belaj pejzaĝoj, inkluzive la famaj montaroj videblaj en Katmanduo, Ĉitaŭan Nacia Parko, Nagarkot, Dulikhel kaj Pokhara.

La nepala Esperanto-movado kreskas pli kaj pli, sed se ne ĉiuj anoj de NEspA povas viziti eksterajn landojn pro la kosto, almenaŭ eblas inviti amikojn el aliaj landoj tien ĉi. Kaj tio montriĝis fakte efika programo. La ĉefa celo de la programo estas konigi Nepalon kaj nepalajn esperantistojn al la mondo kaj reciproke; ĉi-foje ni kunorganizos AMO-Seminarion de UEA kaj esperas, ke la programo estos pli efika kaj signifoplena.

Nepalo estas ebriiga miksaĵo: fascina lando de antikva historio, viglaj kulturoj kaj popoloj, biodiverseco kaj majestaj pejzaĝoj. Ĝiaj geografiaĵoj etendiĝas de belaj altaj neĝpintoj en la nordo, al malpli altaj montoj en la mezo kaj al bela, fekunda ebenaĵo kun multaj arbaroj en la sudo. Situante inter Tibeto (Ĉinio) kaj la Ganga ebenaĵo (Barato), Nepalo tra sia historio sentis la influon de ambaŭ tre diversaj civilizacioj, sed samtempe kreis identecon por si mem. La lando havas preskaŭ 28 milionojn da homoj, parolantaj 125 lingvojn aŭ dialektojn.

Okdek procentoj de la nepala popolo sekvas hinduismon, sed la lando estas oficiale sekulara, kaj fakte, lando de multaj religioj. La templo de Paŝupatinath en Katmanduo estas unu el la kvar plej gravaj lokoj por adorantoj de Ŝiva. La Budho, la "Lumo de Azio," naskiĝis en

Lumbini, kiu situas en la suda ebenaĵo, farante Nepalon la sankta celo por pilgrimantoj. La multaj etnoj ofte kultas proprajn diojn.

Kvar lokoj de Nepalo estas agnoskitaj de UNESCO kiel mondheredaĵoj. En la unua, la valo de Katmanduo, reliefiĝas la urbo de Bhaktapuro, la reĝaj placoj de Katmanduo kaj Patano, la stupaoj de Svajambunath kaj Baŭdhnath, kaj la temploj de Paŝupatinath kaj Ĉangu Narajan. Dua kultura heredaĵo estas Lumbini. Plie estas la naturaj zonoj Everest Nacia Parko (1.148 km2) kaj Reĝa Ĉitaŭan Nacia Parko (932 $km^2$), kiun ni vizitos dum la ekskurso.

**Laŭtaga programo**

La 26a de februaro: Alveno kaj enhoteliĝo

La 27a de februaro: Matena vizito al Baŭdhnath kaj Paŝupathinath, post tagmanĝo AMO-Seminario

La 28a de februaro: Matena vizito al Svajambhunath kaj post tagmanĝo AMO-Seminario

La 29a de februaro: Matena ferma programo de AMO kaj post tagmanĝo vizito al Bhaktpur, kaj posttagmeze rekta vojaĝo al Nagarkot kaj tranokto tie

La 1a de marto: matena rigardado de montaroj kaj poste vojaĝo al Dulikhel (tiuj, kiuj povas marŝi, povas iri piede sed tiuj, kiuj ne povas, per buso), Tranokto en Dulikhel

La 2a de marto: Matena vizito al Nomobuddha kaj forlaso de Dhulikhel por Ĉitaŭan Nacia Parko, trankoto en la parko

La 3a de marto: Observado de birdoj antaŭ matenmanĝo. Kanota veturado kaj promenado antaŭ la tagmanĝo; elefantrajdo kaj ĝangala promenado posttagmeze

La 4a de marto: Ekveturo al Pokhara kaj boatado sur Phewa lago, tranokto en Pokhara

La 5a de marto: Je la 6a horo matene ekveturo al Sarangkot por rigardi Annapurna kaj aliajn montojn; posttagmeze ekskurso al diversaj lokoj

La 6a de marto: Matena ekskurso kaj post la tagmanĝo diversaj Esperantaj programoj

La 7a de marto: Reveno al Katmanduo frumatene kaj ripozo
La 8a de marto: Libera tago kaj adiaŭa vespero
La 9a de marto: Foriro

La kotizo estas 850 eŭroj por unu persono.

La menciita kotizo validas por dulita ĉambro. Se vi deziras unulitan ĉambron (por la tuta periodo), bv aldoni 300 eŭrojn al la menciita sumo. La kotizo inkluzivas manĝojn kaj loĝadon dum la tuta programperiodo. La programeroj ŝanĝeblas pro neatenditaj kialoj. Bv sendi la aliĝilon al Nepala Esperanto-Asocio kaj samtempe pagi la kotizon. Nepala Esperanto-Asocio, G.P.O Box: 10518 Kathmandu, Nepal. Telefono: 00977-9841273761. Retadreso: nespa.1990@gmail.com

Noto: Se vi volas partopreni nur AMO-Seminarion, bv korespondi aparte. La kotizo por Amo-Seminario nure estas 100 eŭroj kun tagmanĝo.

## Nova Kurso en Katmanduo



Nova kurso de Esperanto komenciĝis en Katmanduo ekde la 15a de aŭgusto en la oficejo de Nepala Esperanto-Asocio. La kurso okazos matene ĉiusabate. Ne mankas interesatoj pri Esperanto en Nepalo, sed multaj ĉesas lerni plu post nelonge. Mi esperas, ke tiu ĉi grupo lernos diligente, ĉar plejparto de ili celas partopreni en la 3a Sudazia Seminario de Esperanto en Srilanko, kolombo, kiu okazos de la 31a de oktobro ĝis la 3a de novembro. Pli ol 20 nepalanoj jam aliĝis al tiu ĉi seminario kaj la nombro ankoraŭ kreskas. Pradip Ghimire esploristo@hotmail.com

# Malajzio

## Artikolo pri Esperanto en la ĵurnalo “Orienta Novaĵo”

Sinjoro ENG saluton2010@gmail.com

La ĉinlingva ĵurnalo, Orienta Novaĵo (东方日报) publikgis artikolon pri Esperanto okaze de la Esperanto-tago. Unuafoje la loka ĵurnalo festis la tagon. Jen la foto kaj la artikolo:
http://www.orientaldaily.com.my/features/zt3589

东方脉动 • 世界语

与未来世界接轨
大马应赶上世界语

Rusio

## Renkontiĝo de Amikoj - 10

"Renkontiĝo de Amikoj - 10" (RA-10) okazis la 7-an - la 17-an de aŭgusto 2015 en la azia parto de Rusio: en Krasnojarska teritorio kaj Ĥakasia respubliko.

La 1-a parto okazis la 7-an - la 9-an de aŭgusto: flosado laŭ la rivero Mana apud la urbo Krasnojarask, kiun partoprenis 21 esperantistoj.

La 2-a parto okazis la 9-an - la 15-an de aŭgusto en turisma bazejo "Cejano" ("Василёк") en la respubliko Ĥakasio, kiun partoprenis 40 esperantistoj de 2 ĝis 65 jarojn aĝaj. Unu esperantisto venis el Germanio kaj 39 el Rusio. En la programo okazis: E-kursoj, konversaciadoj, diversaj ludoj, koncertoj, amuzaj vesperoj, teatraĵetoj, 5 duontagaj kaj 1 tuttaga pied-ekskursoj en Ĥakasio (laŭ montoj, al famaj kaj pitoreskaj lagoj, en mistera kaverno Kaŝkulak, kiu plej forte impresis la ekskursantojn...), multaj aliaj programeroj...

Ses personoj partoprenis interpretistan konkurson el la rusa en Esperanton. Vladimir Minin (Tomsk) iĝis la ĉampiono de Siberio pri interpetado. Artur Grigorjev (Krasnojarsk) okupis la duan lokon.

La 3-a parto okazis en urbo Krasnojarsk la 15-an - la 17-an de aŭgusto. La 15-an okazis pied-ekskurso laŭ la urbo Krasnojarsk. La 16-an okazis tuttaga piedekskurso laŭ famaj Krasnojarskaj Fostoj (montoj) apud Krasnojarsk. Vespere ni vizitis katan antikafejon. La 17-an okazis busa ekskurso en kaj ĉirkaŭ Krasnojarsk.

La 3-an parton de la programo partoprenis kroma deko da krasnojarskaj esperantistoj kaj iliaj amikoj krom jam menciitaj 40. Ekzemple Tatjana Zemljanskaja kun sia filo kaj du turismaj ĉiĉeronoj gvidis la tuttagan pied-ekskurson laŭ Krasnojarskaj Fostoj. Partoprenis la 3-an parton de RA-10 ankaŭ konataj kromaj krasnojarskaj esperantistoj: Jelena Ŝaravina, Alla Jaĥina, Sergej Ĵilejkin, Vladimir Sapoĵnikov kaj kelkaj aliaj.

La mastrino de la klubejo de Krasnojarska Esperanto-Klubo Jelena Ŝaravina permesis al mi kaj Eric Rademacher (Munkeno) loĝi senpage en la klubejo post RA-10. Kaj tial ni povis partopreni neoficialan

programon de Post RA-10, en kiu okazis mondumaj akceptoj, festado de naskiĝtagoj, ludoj kaj multo alia. E. Rademacher el Munkeno, mi kaj Konstantin Obrazcov el Tomsk, Ljubov' Ĥodjakova kaj Nina Kovaljova el Krasnojarsk ludis grandan tenison...

En RA-10 estas anoncite, ke RA-11 okazos en Egiptio (Afriko) somere (maje-septembre) de la jaro 2016. Pli preciza tempo estos anoncita poste. Konsiderante la fakton, ke la afrikaj esperantistoj ne povas interkonsenti pri okazigo de la afrikaj E-kongresoj, estas propono okazigi internaciajn E-kongresojn en Afriko far aziaj kaj eŭropaj esperantistoj. Kaj RA-11 estu la 1-a el ili. Ni invitu al ĝi du kontraŭstarantajn afrikajn partiojn: la portogolandan partion kaj la porburundan partion. Kaj ankaŭ eksterpartiajn afrikajn esperantistojn. Ni esperu, ke ili ĉiuj povus interamikiĝi en RA-11. Kaj estas granda avantaĝo, ke la afrikaj esperantistoj povus pli facile veni al Egiptio, ol al eksterafrikaj mondopartoj.

Bonvenu ĉiuj al RA-11! Vladimir Minin mininvl@yahoo.com

## Opinio

### Du aferoj, kiujn la Esperanto-movado bezonas en Azio

Renato Corsetti
eksa prezidanto de UEA kaj nuna amiko de Azio

Mi ne estas aziano. Mia nazo estas longa kaj miaj okuloj havas la formon de la okuloj de kaŭkazanoj. Tamen mi estas esperantisto kaj kiel tia mi estas ankaŭ iomete aziano. Mi pensas, ke Azio en la nuna momento transprenas de Eŭropo multajn gvidajn ecojn kaj praktikojn. Tio signifas, ke en la postaj jaroj Azio devos gvidi la mondon ankaŭ kiam temas pri Esperanto.

Tiucele ŝajnas al mi kompreni, ke la tutmonda Esperanto-movado atendas de Azio du aferojn.

1-e: Ĉina Esperanto-Ligo devas preni sur sin ankaŭ la disvastigon de Esperanto en Ĉinujo mem subtene al la tre gratulinda laboro de la

provincaj ĉinaj esperantistoj. Krome Ĉina Esperanto-Ligo devas kompreni la respondecon, kiun ĝi havas pri la disvastigo de Esperanto eksterlande, kaj tial ĝi devas helpi la movadojn de aziaj landoj, de la landoj nomataj BRICS, kaj ĝenerale transpreni pli aktivajn rolojn en la laboro de Universala Esperanto-Asocio. Bonvolu ne lasi preskaŭ ĉiujn postenojn en UEA al eŭropanoj kaj amerikanoj.

2-e: Ni bezonas aktivan landan movadon en Hindujo/Barato. La hindaj/barataj esperantistoj rajtas nomi sian landon laŭplaĉe, sed ili havas la devon antaŭ la mondo estigi naciskale fortan movadon por Esperanto en sia lando. La internacia Esperanto-Movado suferis pro la manko de forta movado en Usono dum la dua parto de la pasinta jarcento kaj nun suferos pro la manko de forta hinda movado en la venontaj jardekoj. Mi ne kuraĝas doni konsilojn pri la maniero, kiel atingi tion, sed oni ja atingu tion.

Bonvolu igi min trankvila pri la estonta tempo de Esperanto.

# Esperanto-eventoj

## Tutmonde

2016. 7.23~30 / La 101a Universala Esperanto-Kongreso (Nitra, Slovakio)

2017.7.22~29 (verŝajne) / La 102-a Universala Kongreso de Esperanto (Seulo / Koreio)

## Azie

9.18~20 / Internacia Junulara-Renkontiĝo de Esperanto (Nankana-Sahib / Pakistano)

9. 20~22 / Junulara Renkontĝo en Sizuoka (Sizuoka / Japanio)

10.03~04 / La 47-a Korea Kongreso de Esperanto (Seulo, Koreio)

10.08~11/ La 11-a Internacia Esperanto-Renkontiĝo de Meditado (Seulo, Koreio)

10.10~12 / La 102a Japana Esperanto-Kongreso (Sendai, Japanio)

10.23~25 / La 6-a Internacia Esperanto-Festivalo (Zaozhuang, Ĉinio)
10.24~25 / La 56-a Toohoku-Kongreso de Esperanto (Fukuŝima, Japanio)
10.31~01 / La 16a Kongreso de Ĉuugoku kaj Ŝikoku (Ŝimonoseki, Japanio).
11.28~29 / Aŭtuna Kurskunveno en Lernejo Namkang (Chongdo, Koreio)
12.25~26 / La 38-a Kongreso de Pakistana Esperanto-Asocio (Lahore, Pakistano)
12.25~28 / La 34-a Komuna Seminario inter Ĉina, Japana, Korea kaj Vjetnama Junularoj (Koreio)
12.30~1.02 / Transjara Kurskunveno de Esperanto-Populariga Asocio (Kameoka, Japanio)
2016. 1.02~03 / La 9-a Nordorienta kaj Interna Mongolia Kongreso de Esperanto (Harbino / Ĉinio)
2016.2.28~3.9 / La 2a Speciala Himalaja Renkontiĝo (Katmanduo, Ĉitaŭan, Pokhara / Nepalo)

**KAEM-anoj**

**Ĉinio:** Wang Ruixiang 13436481089@163.com; wrxzj@tom.com
Prezidanto, Projekto A (Preparado de la 8-a Azia Kongreso en Ĉinio)

**Japanio:** Inumaru Fumio inumaru-f@nifty.com
Vicprezidanto, Projekto C (Membriĝo), Subteno al Indonezio, Filipinoj, Ekspedo de la bulteno "Esperanto en Azio"

**Mongolio:** Chimedtseren Enkhee chimedtserenenkhee@yahoo.com
Ĝenerala sekretario (pri subvencio kaj elspezo el buĝeto), Reviziisto de KAEM-buĝeto, Interrilato kun UEA

**Hindio (Barato):** Giridhar RAO agiridhar.rao@gmail.com
Interrilato kun UEA (Raportoj al UEA pri KAEM-agado), Subteno al Srilanko

**Irano:** Omid Rohanian omid.rohanian@gmail.com
Subteno al najbaraj landoj de Irano (Arabaj landoj)

**Nepalo:** Mukunda Raj Pathik mpathik@gmail.com
Organizo de SAS (Sud-Azia Seminario), Projekto Ĉ (Edukado)

**Vjetnamio:** S-ino Le Thi Thien Thu lethienthu.esper@gmail.com
Subteno al Sud-Orientaj landoj (Laoso, Kamboĝo, Tajlando, Malajzio)
**Taĝikio:** Firdaus Shukurov komintel@yandex.ru
Interrilato kun Centr-aziaj landoj (Kazaĥio, Uzbekio, Kirgizio, Azerbajĝano, Turkio kaj Rusio)
**Koreio:** Kim Hiongun nomota@mobigen.com
Projekto D (Publikado kaj sendado de lernolibroj, lerniloj de Esperanto), retejo de KAEM
**Israelo:** Eran Vodevoz evodevoz@yahoo.com
Projekto B, Interrilato kun eŭropaj landoj kaj afrikaj landoj, nord- kaj sud-Amerikoj
**Pakistano:** Tariq Umar Chaudhry tariquch@gmail.com
Subteno al najbaraj landoj (Bangladeŝo, Afganio)
**Indonezio**: S-ino Ilia Sumilfia Dewi ilia.dewi@gmail.com

**Honoraj prezidantoj de KAEM**
Puramo CHONG (Koreio)
Hori Jasuo (Japanio): hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Kompilado de la bulteno "Esperanto en Azio"
Lee Jungkee (Koreio): esperanto@saluton.net
Sasaki Teruhiro (Japanio): steruhiro@hotmail.com.co.jp
**Estrarano de UEA** Lee Jungkee (Koreio): esperanto@saluton.net

…………………………………………………………………….

**Esperanto en Azio**
Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
Reta adreso de KAEM (sendu viajn mesaĝojn al KAEM):
<azia-komisiono-de-uea-kaem@yahoogroups.com>
TTT-ejo de KAEM: http://www.esperantoazia.net/
Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
Japanio 371-0825 Gunma-ken Maebaŝi-ŝi Ootone 2-13-3